N-RO 8 (1994:1) PORTO ALEGRE, RS, BRAZILO
PK 1415 BR-90001-970 REDAKTAS CÉSAR DORNELES SOARES

# Jes Ja!

OPINIO

## EL GAJA HAVENO

César Dorneles Soares

JES JA!
Post kelka tempo en kiu la redaktoro elektis aliajn prioritatojn en la redaktado de periodaĵoj, jen denove plus unu numero de JES JA!, daŭrigante la laboron komenciĝanta en 1991. Vi rimarkas, ke la gazeteto maldikiĝis? Efektive. Sed kompense ĝi de nun aperos pli ofte: ĉiun duan monaton...

SANGUINETTI
Ivo Sanguinetti kaj edzino denove ĝuantaj la neforgesindaĵojn de vojaĝo al eksterlando. Ĉifoje al Aŭstralio kaj Novzelando.

POLITIKISTOJ
Kelkaj (?) brazilaj politikistoj donas al la sufikso "-isto" trajton de vera profesieca senco...

ESPA
ESPA ekde sia fondo fariĝis la kultura centro de la gaŭĉa esperantismo. Almenaŭ ĝisnune, ne eblas pensi pri efektiva kultivo de E-o en persona interkontakto kun aliuloj sen aniĝo al nia porto-alegre-a E-societo. Sur tio kuŝas ĝia plej rimarkinda rolo.

KRUC-ENIGMOJ
Elizabeth Diehl en iu "ESPA SABATE" vekis la intereson de la partoprenantoj pri... kruc-enigmoj, kiuj verŝajne fariĝos unu el la novaj sensaciaĵoj de niaj verdaj kultur-kunvenoj. Ne necesas mencii la pedagogian valoron de tiaj distraĵoj.

FUMADO
Usona tabako-industrio fariĝis indignanta... antaŭ la konkludoj de tiulanda Agentejo pri Naturmedia Protektado (EPA) laŭ kiuj la cigared-fumo kaŭzas kanceron en nefumantoj. Heeelp!

Knabo el Ruando — Militoj starigitaj en mizeraj intermontejoj kiel Ruando ne malprofitigas la ekvilibron de la planedo. La hom-buĉado aranĝita de la triboj "hutu" kaj "tutsi" ne elmontras altkvalitajn armilojn, ne estas blankuloj interpafantaj. Meze de la turno-vento kiu turmentas la landon, la mieno de la ĉifon-vestita knabo spegulas la senfinan kalvarion. Ŝip-droninto en sang-maro kiu englutis 100 mil viktimojn dum malpli ol du monatoj, tiuj okuloj estas du palisoj enigitaj en la koro de iu mondo kiu ne ploras pro Ruando. (el ZERO HORA)

IDEOJ/OPINIOJ

## KELKLINIE PRI

La pigreco estas la patrino de la progreso. Se la homo ne pigre marŝus, li ne estus inventinta la radon. (Mário Quintana) *** La plej granda allogaĵo de iu urbo estas la viv-kvalito de ĝiaj enloĝantoj.(Jaime Lerner) *** Iu lando kiu ekskludas, kiu ne sin organizas por oferti laboron, dungon, renton por ĉiuj siaj enloĝantoj ne estas etika, estas perversa. (Herbert de Souza/Betinho) *** Februaro havas 28 tagojn. Estas la monato en kiu la inoj parolas malplie. (Minas Gerais-a proverbo) *** Mi verkas, ĉar male estus mortinta, por serĉi la senton de la ekzisteco. (Ernesto Sábato, argentina verkisto) *** Sufiĉas la omaĝoj. Mi volas la monon. (Adoniran Barbosa) *** Estas multaj kiuj mortas antaŭe; aliaj, poste: malfacile estas morti ĝustatempe. (Mário Quintana) *** Mi donis mian junecon kaj mian belecon al la viroj... Nun mi donas mian saĝecon, la plej bonan parton de mi, al la bestoj. (Brigitte Bardot) *** Ĉiuj scias, ke la kamelo estas iu ĉevalo farita de iu komisio. Malmultaj scias, ke la elefanto estas la hundo farita de iu konstitucia asembleo. (Luis Fernando Verissimo) *** Kia belega estas la homo, kiam li estas vera homo! (Menandro) *** Kiu ne estis infano, tiu ne iĝos plenkreskulo. (Charles Chaplin) *

PROFILO

## BEATRIZ BURIGO

BEATRIZ BURIGO, LA NOVA 1-A SEKRETARIINO DE "ESPA", ESTAS LA UNUA INTERVJUITINO DE LA RUBRIKO "PROFILO":

Nomo: Beatriz Aparecida Mendes Oliveira Burigo.
Signo: Fiŝoj (20/3/1957).
Viv-devizo: Fari al aliaj tion kion mi ŝatus, ke la aliaj faru al mi kaj lerni ĉiam.
Iu revo: universala frateco.
Iu hobio: Multe da legado.
Ami estas...: Respekti la individuajn diferencojn.
Esperantumi estas...: Batali senĉese kun dediĉo kaj amo kaj ne atendi grandajn kaj tujajn rezultojn.
Morti estas...: Nur sanĝi adreson.
Brazilo: Bela kaj mirinda lando kiu ne estis malkovrita de ĉi tiu naiva popolo.
Aborto: Krimo.
Mortpuno: Alia nepravigebla krimo.
Esperanto: Esperanto estas granda kaj bela idealo.
E-movado: Ilo al novaj vojoj de la homaro.
ESPA: Malgranda sed grava E-grupo kiu pligrandiĝos.
Iu lando: Oriento.
Iu urbo: Tiu urbo en kiu mi estos.
Iu TV-programero: Desegnaĵoj kaj novaĵ-programeroj.
Iu TV-aktoro: Guarnieri.
Iu TV-aktorino: Fernanda Montenegro.
Iu filmo: "Lawrence da Arábia".
Iu kino-aktoro: Anthony Queen.
Iu kino-aktorino: Betty Davis.
Iu muzikaĵo: "As Aparências Enganam".
Iu kantisto: João Bosco kaj Ivan Lins.
Iu kantistino: Elis Regina kaj Mercedes Sosa.
Iu komponist(in)o: Chico Buarque de Holanda.
Iu verkist(in)o: Leon N. Tolstoj, Machado de Assis.
Iu poet(in)o: Fernando Pessoa.
Iu libro: "Nefertiti"
Iu famul(in)o: Charles Chaplin, Che Guevara.
Iu virto via: Fido je estonto kaj je homaro.
Iu malvirto via: deziri, ke rapidege ĉio moviĝu.
Kiu pravas: Tiu, kiu fide agas.
Kio ravas: La sentokapablo kaj la delikateco en la homoj.









ASTROLOGIO

## ESPERANTO SUR LA STELOJ

*Ĉu eblas starigi horoskopon por Esperanto? Moskva astrologo Mikaelo Levin aŭguras decidan rolon por la Internacia Lingvo en baldaŭa estonto.*

La skemo, kiun vi vidas sube, astrologie nomiĝas *kosmogramo*. Ĉi tiu kosmogramo montras la planedajn situojn sur la zodiaka cirklo la 26-an de julio 1887, la naskiĝan tagon de Esperanto.

Sur la ekstera cirklo de la kosmogramo lokiĝas la zodiakaj signoj. Sur la interna estas la planedoj, ne nur la konataj realaj sunsistemaj astroj, sed ankaŭ du mistikaj planedoj: la nigra kaj la blanka lunoj, *Lilit* kaj *Isis*. Akorde kun la astrologiaj preceptoj, ili influas la kaŝitajn, nevideblajn flankojn de la vivo. Iu legendo rakontas, ke antaŭ ol havi Evan kiel edzinon, Adamo havis alian edzinon, Lilit, kies korpo konsistis ne el karno, sed el luna lumo. De Adamo ŝi naskis nevideblajn noktajn feojn. En la moderna astrologio ili personigas la senkonscion. Isis (nomo de egipta diino) reprezentas la inversan poluson de la senkonscio, la superkonscion.

Antikvaj astrologoj asertis, ke la sorto de homo dependas rekte de la planedara situo en la momento de lia naskiĝo. La moderna astrologio tamen lasas pli da libero, kvankam agnoskante grandan planedaran influon sur la homa vivo. La planedoj influas ne nur la homojn, sed ankaŭ la historiajn eventojn kaj sociajn procezojn, kaj aparte la evoluon de la lingvoj, kiu en la okultaj konceptoj sekvas – en la mensa mondo – la samajn kosmajn leĝojn kiel la nomoj. Tial, laŭ la kosmogramo, ni povas paroli ne nur pri la estinto de Esperanto, sed ankaŭ prognozi ĝian estonton.

Surbaze de planedaj rondiroj post la 26-a de julio 1887 eblas konkludi, ke travivinte la krizon de 1906-1911, kiam Urano staris kvadrature kun Neptuno, kaj tiun de 1931-1938, kiam Urano kvadraturis kun Plutono, ekde 1946 Esperanto havis kondiĉojn por pli stabila evoluo. Intensa disvastiĝo de Esperanto kaj vigliĝo de intereso pri ĝi ekestis en 1991, kiam Urano kaj Neptuno formis kuniĝon. La intereso pri Esperanto kreskegos dum 1995-1997, kiam tiu planeda paro transiros en la signon de Amforo; kaj eblas prognozi, ke ĝis certa grado tio rilatos al Rusio, kiu laŭ okultaj preceptoj reprezentas regionon de naskiĝonta kulturo, ekvilibrigonta Orienton kun Okcidento. En astrologio ĉiu lando estas ligita al kaj regata de sia zodiaka signo. En la kosmogramo de Esperanto la linioj de la lunaj nodoj, kunigantaj la kruciĝpunktojn de la luna orbito kun ekliptiko, trapasas la signojn de Amforo kaj Leono, indikantajn al Rusio kaj Francio.

En la venonta universala kulturo Esperanto havos specialan rolon, nome servi kiel rimedo por venki la naciajn kaj religiajn barierojn, kaj esti la lingvo de la nova ĝermanta gefrataro. Tiu nobla rolo aparte evidentiĝos post la jaro 2020. Ne estas hazarde, ke la simbolo de Esperanto estas kvinpinta verda stelo sur blanka kampo. Ĝi estas ankaŭ signo de espero, evoluo, kleriĝo, signo de la Nova Epoko kaj Nova Raso – la Raso de Amo, kiu kunligos ĉiujn kontinentojn.

ESPERANTO
26.07.1887, VARSOVIO




intervalo

## Krucvorto — *Flávio Fonseca, Brazilo*



**HORIZONTALE**

1. Transigi tekston al alia lingvo
2. Mallongigo de Esperanto – Granda epoko (s.f. = sen finaĵo) – Nomo de la sesa muziktono
3. Difina artikolo – Sufikso de la pasiva futura participo – Sufikso montranta femalon
4. Grande – Mallongigo de rusa lingvo – Mallongigo de internacia respondkupono
5. Tutaĵo de scienco aŭ doktrino
6. Prepozicio signifanta de komenca ĝis fina loko – Romana cifero – Fabela giganto infanmanĝanta (s.f.)
7. Nomo de litero inter *p* kaj *s* – Interjekcio uzata por kuraĝigi – Nedifina adjektivo
8. Simbolo de nulo – Halti pro nefunkciado – La 26-a E-litero
9. Ĉambroj

**VERTIKALE**

1. Fizika energio
2. Mallongigo de taro – Placo en la antikvaj helenaj urboj – Mallongigo de sekundo
3. Prefikso montranta ripeton – Inklina je – Interjekcio uzata por esprimi malkontenton
4. Grupo – Simbolo de fosforo – Konstruaĵo konsistanta el nura tegmento sur kolonoj (s.f.)
5. Ripeto de naskiĝtago
6. Universala Esperanto-Asocio – 18-a E-alfabeto – Adverbo por montri
7. Mallongigo de kilogramo – Filo – Nedifina pronomo
8. Finaĵo de la infinitivo – Fari ion moviĝi – Finaĵo montranta pluralon
9. Adverbo signifanta, ke io ne ĉesis

MISTIKISMO

## VENDREDON, LA 13-AN: ĈU TAGO DE MALBONŜANCO?

La deveno de la kredo je vendredo, la 13an, kiel "tago de la malbonŝanco" estas nekonata. La versioj kiuj ekzistas ne estas unuanimaj. La mistikuloj kredas, ke la superstiĉo ŝuldiĝas al la kuniĝo de du simboloj. La unua, pri vendredo, rilatus al la krucum-tago de Jezuo Kristo. Vendredo estus sekve la tago de la sufero. La klarigo, kiu baziĝas sur kristanismo, ne validas al kandombleo kaj umbando. Por tiuj du religioj, vendredo reprezentas la purecon, kiam estas faritaj la plejmulto el la ritualoj. "Estas iu sanktega tago", asertas la kandombleisto Cássio Ribeiro. La alia simbolo, la numero 13, devenus el la taroko, lud-kartaro kun 77 kartoj, kiuj reprezentas la kvalitojn kaj malkvalitojn de la homoj. La karto numero 13 de la taroko, kiu ekaperis antaŭ 4000 jaroj en Egiptio, estas reprezentata de iu skeleto tenanta falĉilon. Sed tiu skeleto ne neĉese signifas la morton. La tarokistoj interpretas tiun karton kiel sciigon pri iu rupturo, pri radikalaj ŝanĝoj. Tamen la prezidanto de Brazila Asocio pri Astrologio, Antônio Facciolo Neto, trankviligas la superstiĉulojn kiuj kredas je vendredo, la 13an: "Vendredo la 13an estas tago kiel iu ajn alia. Tio estas legendo", li diris. "Tio kio gravas estas la pozicio de la astroj." (el FOLHA DE S. PAULO)